# Informilo de Ĝemelaj Urboj

N-ro 2 (5) junio de 2003

NOVAĴO

Letero de la komisiito al ĉinaj esperantistoj

Estimataj ĉinaj esperantistoj,

Saluton!

La projekto "Ĝemelaj Urboj" de UEA funkciigita en majo 2002 estas agado por disvastigi kaj apliki Esperanton, fortigi kunlaboron de ĝemelurboj kaj akceli amikiĝon de interurboj. Ĝis nun ĝi akiris komprenon kaj subtenon de Esperanto-organizaĵoj kaj esperantistoj el multaj landoj.

Nuntempe la ĝemelaj urboj inter Ĉinio kaj aliaj landoj atingis pli ol mil parojn, el kiuj en multaj estas esperantistoj kaj Esperanto-organizaĵoj, kaj nemalmultaj el ili reciproke tenas amikan interŝanĝon, eĉ aktive kontribuis al ĝemeliĝo de urboj. Ankaŭ Informilon de Ĝemelaj Urbo (IĜU) starigitan pli kaj pli multaj samidenaoj ŝatas. Nun mi dissendas N-ro 1 (4) IĜU al ĉinaj esperantistoj aŭ Esperanto-organizaĵoj kun ret-adreso(j), kiujn mi posedas. Por bone fari ĉi-tiun signifan laboron mi persistas en tiu celaĵo "akceli amikiĝon kaj profundigi amikecon" kaj en laborsinteno "serioze plenumi kaj serve kunordigi". Mia plej granda espero al vi ĉiuj ja estas gvida ideo de Tri "P" , t.e. Proponu, Partoprenu kaj Praktiku.

Ĝojan laboron kaj feliĉan vivon.

La projekto en gazeto

1. En N-ro 2 Esperanto aktuell/2003, dulingva revuo en Germanio, oni legis artikolon de s-ro Werner Pfennig kun temo "Neubrandenburg kaj Koszalin/PL: Tradicia kunlaboro trans la limojn" kiu rakontis partoprenon de La Zamenhof-Festo en la pollanda ĝemela urbo de Neubrandenburg okazinta en lasta decembro.

2. Por sukcesigi Pekinan UK-on en 2004 ekde 2003 Ĉina Esperanto-Ligo (ĈEL) eldonas monatan kaj 16-paĝan gazeton "Informilo de ĈEL". En ĝia marta numero aperis la konciza raporto de la komisiito pri la disvolviĝo de la projekto al ĉinaj esperantistoj publikigita en interreto.

3. N-ro 4 Informilo de ĈEL raportis Tianjin Esperanto-Asocion (TEA) en la rubriko "Skizo pri Ĉina E-movado". Laboro pri ĝemelaj urboj kiel unu el ĉefaj enhavoj trafis la raporton. Ĝi menciis efikajn agadojn kun esperantistoj en siaj ĝemelaj urboj Sarajevo en la eksa Jugoslavio (nun en Bosnio-Hercegovino), Lodz en Pollando, Kobe en Japanio kaj Inchon en Koreio.

4. Esperanto Aktivas estas monata revuo eldonata de Xi'an Esperanto-Asocio, Ĉinio. Ĝi estas tre populara en ĉina Esperantujo. En ĝia aprila numero aperis Letero de la Komisiito al Ĉinaj Esperantistoj kaj parto el reagoj al la projekto "Ĝemelaj Urboj" kaj sia revueto en N-ro 1 (4) Informilo de Ĝemelaj Urboj, ekz. reagoj el S-ro Bardhyl Selimi Mezini en Albanio, s-ino Kay Andersen en Aŭstralio, s-ro Adonis Saliba (nova Amerika Komisiono de UEA) en Brazilo, ktp.

5. La laboron de Ningbo Esperanto-Asocio prezentis la rubriko "Skizo pri Ĉina E-movado" de N-ro 5 Informilo de ĈEL. En ĝi oni substrekis atingon rikoltitan pere de esperantistoj en Ningbo kaj

ĝia ĝemela urbo Aachen en Germanio. Sur la kovrilo pliforte pruvis la atingon du el 14 fotoj, interalie unu estas, ke la aganta urbestro de Ningbo akceptis s-ron Wolfgang Bienen, prezidanto de la Aachen-a Esperanto-Salono, la alia estas la urbestro de Aachen akceptis s-ron Shen Minglun, delegito de Ningbo Esperanto-Asocio.

La projekto en interreto

1. Ĉe la retejo de KAEM http://www2s.biglobe.ne.jp/~jei/kaem_kap.htm.#GHEMELURBOJ oni pova legi la antaŭajn numerojn de Informilo de Ĝemelaj Urboj
2. La retejo de Ĉina Esperanto Info http://esperanto.8u8.com/Agado/wgj algluis la originalon de la retejo de KAEM pri Informilo de Ĝemelaj Urboj.
3. S-ro Cui Jiayou el Jixi-urbo en Ĉinio amike enmetis N-ron. 1 (4) Informilo de Ĝemelaj Urboj en sian Esperantan retejon http://www.oazo.xilubbs.com

Reagoj al la projektoj "Ĝemelaj Urboj" kaj sia revueto

1. S-ro Aleksandro Koval el Gomel en Belorusio: Saluton, estimata sinjoro Guojiang! Dankon al vi pro la sendita informilo de Ĝemelaj urboj. Mi vere estis surprizita vidinte kiom multe da esperantistoj subtenas la ideon de interurbaj kontaktoj. Vere la ideo de Ĝemelaj Urboj celas rektajn kontaktojn de homoj inter diversaj landoj. La ĝemelitaj urboj evidente havas similajn problemojn, kaj necesas interŝanĝi sperton pri la solvo de la problemoj.
Nia urbo Gomel (Belorusio) kontaktas kun ĝemelaj urboj en Francio (Clermont-Ferrand), Skotlando (Aberdeen), Pollando (Radom) kaj certe Ĉinio (Huayin). Mi tenas kontakton kun Clermont-Ferrand, kie estas esperantistoj. Pri aliaj urboj mi dume ne havas la informon. Fine de aprilo 2003 oni festas la Tagon de Ĝemelaj Urboj. Kutime delegacio de nia urbo venas al iu ĝemela urbo. Sed ne ofte estas esperantistoj en la delegacio. Mi memoras nur la jaron 1988 kiam al ni venis biciklistoj el Clermont-Ferrand, inter kiuj estis s-ro Prissat. Malfeliĉe li trafis akcidenton dum tiu bicikla marŝo kaj trafis malsanulejon. Niaj geesperantistoj vizitis lin.

2. S-ro Chen Shengli el Dandong en Ĉinio: Estimata s-ro Wu, hodiaŭ mi skribas al vi por peti Informilon de Ĝemelaj Urboj kaj intencas partopreni en tiu agado.

3. S-ro Fang Yong el Shenzhen en Ĉinio: Estimata s-ro Wu, mi estas esperantisto el Shenzhen, interesas min la projekto Ĝemelaj Urboj, mi scivolemas plu pri la projekto, kaj ŝatus ricevi de vi ĉiujn numerojn de la Informilo de Ĝemelaj Urboj. Ĉu vi povus kontentigi min?Antaŭdankon!

4. F-ino Caron Sylvie el Le Havre en Francio: Estimata Wu, ni bone ricevis viajn informojn pri ĝemelaj urboj. Ni antaŭvidos havi rimedon por ricevi la informilon perrete. Ni dankas kaj gratulas pri panoramo de respondintaj gesamideanoj. Laŭ la laborplano ni enketos pri bezonoj de urbaj aŭtoritatoj kaj ties projektoj por pliefika kunlaboro. Ni plej kore salutas vin kaj plenan sukceson deziras.

5. S-ro Hans Fechler el Hildesheim en Germanio: S-ro Estimata kolego Wu Guojiang, aperis sur mia ekrano la kvara numero de via informilo. Multan dankon!! Mi ne reagis al la akcepto de la 3-a numero. En nia familio multe da problemoj pro perdo de energio en mia edzino, kiu jam de 35 jaroj zorgas por treege handikapita nia filo. Do ni havis sufiĉe da problemoj kaj nun fine povis

solvi ilin. Mi do esperas, ke mi post PASKO povas kontribui, raporti pri PONTOJ. Hodiaŭ nur tio: Danke al via informilo mi nun finfine trovis Esperantistojn en nia nova ĝemela urbo Pavia en Italujo. Vi ja raportis pri la aktivecoj en Milano/Italujo. Kaj mi petis la tieajn kolegojn, serĉi en Pavia. Kaj ili trovis s-ron Luigi Garlaschelli, scienciston en la universitato tiea. Li komencis lerni Esperanton nur en la pasinta marto (2002) kaj nun jam sendis al mi artikolon por PONTOJ 7. Ankaŭ miaj partneroj en la Hildeshejmaj partneraj urboj interesiĝas pri via Informilo. Ĉu kaj kiel ankaŭ ili povas ricevi tiun vian revueton? Ĉu ili skribu interrete al vi? Pli poste pli pri ni al vi por juni'.

6. S-ro Werner Pfennig el Neubrandenburg en Germanio: Saluton, kara Wu, kore mi dankas pro via tre interesa informilo pri ĝemelaj kontaktoj pere de Esperanto en la mondo. Ni fieras, ke detale skribis nia vintra vizito en Pollando/Koszalin

7. S-ro Hamzeh Shafiee el Tehrano en Irano: Kara Wu, Dankon pro via mesaĝo. Mi kaptas la okazon por demandi pri la ĝemeliĝ-ebleco inter Tehrano kaj aliaj urboj. Ĉu ekzistas tiu rilato aŭ ĉu ni proponu iun?

8. S-ro Masud Gudarzi el Borugherdo eb Irano: kore mi dankas vin pro via informilo, kore mi dankas vin, kiujn proponojn vi akceptas, ĉu vi akceptas ĉiujn proponojn?

9. Ljoŝa Kuznecov en Rusio: Estimata s-ro Wu Guojiang! Mi interesiĝas pri ĝmelurbaj kontaktoj kaj legis en marta numero de revuo "Esperanto", ke ekzistas Cirkuleroj pri la temo. Bv. sendi al mi.

10. S-ro Jovan Mirkoviĉ el Maribor en Slovenio: Estimata s-ro Wu! Al mia retadreso venis informilo pri ĝemelaj urboj. Mi povas servi al vi kelkajn informojn, el mia urbo Maribor-Slovenio. Se vi ne estas informita jen: En pola urbo Malbork oni fondis Parkon de la Mondo. Intenco estas - helpe de tieaj esperantistoj, planti naciajn arbojn el des pli da landoj. Slovena Fervojista E-Societo, dedicis peti urbestron de Maribor ing. Boris Sovič, planti grefton de Stara Trta (maljuna vito), plej aĝa vito en mondo, kiu en nia urbo kreskas kaj fruktas pli ol 400 jarojn. Ĝi estas urba fiero.
La 14-an de marto 2003 dum ceremonio je pritranĉado de vito, oficiala delegitaro de pola urbo Malbork venis al Maribor, por transpreni vitan greftobranĉon. Enradikita grefto estos plantota 16-an de majo rande Parko de la Mondo en Malbork, flanke de maribora Urbestro, enologo kaj esperantistoj. Laborlingvo dum solenaĵoj kaj Delegaciaj kunsidoj estis esperanto, kun tradukado en naciaj lingvoj. En Esperanto estas skribita atestilo pri grefto kaj plakedoj. Tio estas ebla, se en ambaŭ urboj ekzistas favoraj kaj kapablaj esperantistoj, kiel s-ro Eduardo Kozyra el Malbork.
Urba domo preparas interretan prezenton de urboj, kie en pasintaj 20 jarojn estis plantitaj greftoj de Maljuna vito. Ili jam kreskas en Aŭstrio, Aŭstralio Japanio, Francio Germanio, Luksemburgo, Danlando, Vatikano ktp. Ĉijare grefton ricevis krom Malborko,ankaŭ kroata Zagrebo kaj svisa Herisau. Ni petis, ke en tiuj interretaj prezentoj, la tria lingvo (krom slovena kaj angla) estu esperanto. Interligado de urboj el ĉiuj kontinentoj pere de viteja grefto, en iu familio - estas stupo de ĝmeligo. Ni informos vin, kiel marŝos antaŭen "la novaj ideoj". Por aldonaj informoj , ni estas je dispono.

11. S-ro Nguyen Van Dien el Hanoi en Vjetnamio: Estimata s-ro Wu Guojiang, mi gratulas vin pro via nova misio pri la "ĝemelaj urboj" kaj rapide diskonigas tion al pluraj vjetnamaj aktivuloj. Esperu, ke la rilatoj inter nia ĉefurbo kaj via karega urbo eblos ĝemeliĝi en la estonteco. Al vi kaj viaj familianoj multe da sukcesoj kaj por la privata vivo kaj por la Esperanta movado.

URBA STILO KAJ TRAJTO

Urba historio

En Japanio Wakayama estas gubernio kun unu miliono da loĝantoj, kiu konsistas el sep urboj. Ĝi estas duoninsulo kun longa marbordo flanke de Pacifiko. Ĝi ampleksas 4725 kvadrat-kilometrojn, kies montara areo okupas 90% kaj la resta estas ebenaĵo. La gubernio ankaŭ havas siajn pez-industriojn kiel petrol-rafinejoj, fer-fabriko kaj paper-fabriko krom la ĉefaj industrioj kiel arbarkulturo, kulturo de fruktarboj kaj fiŝado-entrepreno. Ĝi estas turisma regiono, kie abundas varmaj fontoj, kiuj allogas multajn homojn en-kaj ekster-landajn. Profunda verdaĵo en tiea montaro kaj blua ĉielo ravas ĉiun vizitanton. Lastatempe la regiono en la gubernio Wakayama nomata "La sanktejoj kaj la pilgrim-vojoj en la montara regiono Kii-sanchi" estis provizore elektita kiel Monda Heredaĵo de Unesko, kiu eble estos oficiale elektata en la venonta jaro. Tiu loko jam havas ĝemelan rilaton kun "La pilgrim-vojo de Santiago de Compostela" en Hispanio.

Esperanto-movado

La gubernia Esperanto-movado estas aktiva, interalie, en du urboj Wakayama (samnomo al la gubernio) kaj Tanabe troviĝas Esperanto-organizaĵoj, t.e. Wakayama Esperanto-Asocio (WEA) kaj Kinan Esperanto-Asocio (KEA). WEA havas 26 pagitajn membrojn kaj KEA 10 membrojn.

Kompreneble kelkaj samideanoj aktivas dise en aliaj lokoj en la gubernio. Tieaj esperantistoj ĉiam kaptas ajnan ŝancon por propagandi kaj uzi Esperanton. Kibi, unu el la vilaĝoj historie delonge diskriminaciitaj en la gubernio, estis plej frue solvita kaj nun klopodas por la vilaĝo feliĉo-plena, sen-diskriminacia kaj bonfarta. La vilaĝa oficejo adoptis proponon de tiea esperantisto pri la nomo de la vilaĝo, t.e. “Feliĉa Kibi” kaj en la venonta jaro deziras uzi Esperanton en la raporto al la instanco por homaj rajtoj de Unuiĝintaj Nacioj pri la solv-procezo kaj nova plano por fari pli feliĉan vilaĝon. En la pasinta somero s-ro Harukuni EGAWA bone plenumis sian vojaĝon surŝipan kune kun 440 gejunuloj al la urboj Daljan, Tianjin kaj Pekino en Ĉinio, kie li renkontis esperantistojn. En la ŝipo li povis instrui Esperanton al la gejunuloj kaj ili surpriziĝis rigardante lian renkonton kun esp-istoj en tiuj urboj.

Ĝemelitaj urboj

La gubernio Wakayama ĝemeliĝas kun Shandong (Ĉinio), Pyrenees-Orientales (Francio), Sinaloa (Mekisiko) kaj Floride (Usono). La urbo Wakayama havas ĝemelajn rilatojn kun Jinan (Chinio), Bakersfield (Usono), Richmond (Kanado) kaj Cheju (Koreio). Wakayama-urba Unesko Scieto estas ĝemelita kun Bonn-urba Unesko Klubo en Germanio. Pro la senegoisma kontribuo kaj diligenta laboro de tieaj esperantistoj oni konscias ke Esperanto estas grava ilo por akceli interkomunikadon inter la urbo Wakayama kaj siaj ĝemelaj panetroj. Kvar flankoj sufiĉe pruvis tion. (1) la ĵurnalo "La novaĵo Wakayama" adoptis proponon de s-ro Harukuni EGAWA pri detala prezento de la ĝemelaj urboj. Li substrekis, ke la specifiaj homoj (urbaj delegitoj, profesoroj, artistoj ktp), kiuj ĝenerale ekhavas kaj tenas kontakton inter la ĝemelaj urboj, devas publikigi la

vivmanierojn en la ĝemelaj urboj, kiel ili vivas, ĝuas sian vivon, ĉagrenas, ktp. por ke la urbanoj bone komprenu ilin kaj plie intimigu interurbanojn, kio kreos pacan mondon, kiun la ĝemela rilato celas. Laŭ peto de la redakcio li sukcese plenumis kolektadon pri artikoloj de ĝemelaj urboj pere de Esperanto. Indas mencii, ke ali-lingvaj grupoj ankaŭ partoprenis en tiu tasko sed ili ne funkciis kiel Esperanto-Grupo, eble pro manko al forta solidareco inter sendintoj kaj ricevintoj. (2) WEA sukcesigis la prezenton de Wakayama Infana Koruso (WIK). En 1992 WIK petis al diversaj grupoj pri internacia interfluo de Wakayama, sed ili preskaŭ ne povis plenumi tian bonegan planon. Danke al organizo de WEA kaj helpo de esperantistoj en Eŭropo sesdek infanoj kantis en Germanio kaj Nederlando. Ankoraŭ nun kelkaj el ili tenas kontakton kun homoj tiam gastiĝintaj. (3) WEA intensigis interŝanĝon kun esperantistoj en la ĝemelaj urboj. WEA delonge serioze atentigas fortigan laboron en interkontakto kun la ĝemelurbaj samideanoj kaj atingis kontentigan rezulton, ekz. en 2001 WEA organizis delegacion el 14 personoj kaj vizitis la ĝemelan Shandong-provincon (Jinan, Qufu, Zaozhuang kaj Qingdao) en Ĉinio, kie ili donis sincerajn proponojn al prilaboro kaj eksporto de lokaj produktaĵoj krom tio, ke ili kontaktis esp-istojn, vizitis Esperanto-kurson kaj vojaĝis al vizitindaĵojn. (4) la energia agado de WEA forte pruvis la efikon de Esperanto kaj la solidarecon de esp-istoj. En la 5-a de aprilo de 2003, okazis la kunveno de la urbanoj pacamantaj pri Irako konflikto. Tiam multaj mesaĝoj estis senditaj el esp-istoj en la ĝemelaj urboj. Ili estis kolektitaj preskaŭ pere de Esperanto. Kvankam la grupo de angla lingvo aliĝis, tamen ili ne tiom kontribuis al ĝi. La trapaso de esperantistoj en Wakayama forte montras, ke utiligante la rilaton inter ĝemelaj urboj kaj pri alilandaj aferoj rilate al loka regiono ni esp-istoj havas multajn ŝancojn apliki kaj propagandi Esperanton, se ni konscie agadas por loka afero. (laŭ raportoj de s-ro Harukuni EGAWA)

INTER ĜEMELAJ URBOJ

La invito al traduko de la skiza laborplano de la projekto

Estimataj,

Depost ret-publikigo de la skiza laborplano de la projekto "Ĝemelaj Urboj" en la 8-a de majo de 2002 multaj esperantistoj estas sincere komprenintaj tiun praktikadon de UEA kaj entuziasme partoprenintaj en tiu agado. Tio forte garantiis, ke la projekto estas en plena disvolviĝo. Por plene antaŭenirigi la projekton kaj faciligi kontakton kaj interkomunikadon de esperantistoj kun la urbaj registaroj kaj iliaj koncernaj departementoj (ekz. samfakaj organizaĵoj neesperantistaj pri ĝemelaj urboj), havigi al la partoprenantoj ŝancon scii la projekton kadre de neesperantistaj internaciaj aranĝoj de samfakuloj. ĉi tie mi reaperigas la skizan laborplanon de la projekto kaj sincere invitas vin traduki ĝin en kvin laborlingvojn (angla, ĉina, franca, hispana kaj rusa) adoptita ĉe Unuiĝintaj Nacioj. Nun ĝi jam havas ĉinan version. Certe ali-lingvaj tradukoj ankaŭ estas bonvenaj.

Antaŭdankon!

Wu Guojiang

Laborplano de la projekto "Ĝemelaj Urboj"

1. Klopodi kontakt(ig)i esperantistojn loĝantajn en jam ĝemelaj urboj, por ke ili kune proponu kunlaboron al la lokaj instancoj cele al intensigo de la ĝemelaj interŝanĝoj.

2. Verki konsilaron pri kiel kontakti la urbajn aŭtoritatojn, proponante servojn de la esperantistoj en starigo aŭ/kaj plibonigo de interurbaj ĝemelaj rilatoj.

3. Instigi esperantistojn iniciati ĝemelajn rilatojn en propra urbo.

4. Klopodi establi kontaktojn kun institucioj-naciaj kaj internaciaj-kiuj agas en tiu kampo, por interŝanĝo de informoj kaj proponante kunlaboron.
Por tion realigi:
5. alvoki esperantistojn kiuj loĝas en ĝemeligitaj urboj, komuniki al la komisiito la koncernajn urbonomojn kaj ĉu ili jam establis kontaktojn kun la esperantistoj de tiuj urboj.
6. komuniki al la esperantistoj la adresojn de la esperantistoj loĝantaj en la ĝemelurboj por establi kontaktojn.

Ponto al interŝanĝo de interurbaj Esperantistoj
Ningbo-urbo en Ĉinio kaj Aachen-urbo en Germanio ĝemeliĝis en oktobro 1986. Aachen situas centre en Eŭropo. Ĝi estas granda urbo okcidente en Germanio, ankaŭ antikva urbo kun pli ol 2000 jaroj de historio. Ĝemeliĝo de la du urboj konstruis ponton al interkontakto de la urbaj esperantistoj. Frue en septembro 1987 Ningbo Esperanto-Asocio (NEA) petis vic-urboestron, pri kultura afero, membro el la amikeca delegacio de Aachen al Ningbo, transpreni leteron al s-ro Wolfgang Bienen, prezidanto de la Aachen-a Esperanto-Salono. De tiam Esperanto-organizaĵoj de la du urboj ekhavis kontakton unu kun alia. En 1994 NEA sendis s-ron Shen Minglun al Aachen. Dum lia resto en tiu urbo, li ne nur bone sciis la disvolviĝon de tiea Esperanto-movado, sed honore estis akceptita de la urboestro. En 1995 s-ro Wolfgang Bienen invitite vizitis Ningbo-urbon kaj ĝuis saman honoron - akcepto de la urboestro. De interkontakto ĝis nun neniam inter-rompiĝis interŝanĝo de Esperanto-organizaĵoj de la du urboj. (Wu Guojiang esperantigis el N-ro 5 Informilo de ĈEL)

SERVA PLATFORMO
Aŭstralio
En januaro 2004, de la 19a ĝis la 25a, okazos somera kongreso en Redcliffe (Ruĝa Klifo), duoninsula regiono, 30 kilometrojn norde de Brisbano. Tiu regiono havas ĝemelan urbon nomatan Onoda en Japanio. S-ino Kay Andersen el Brisbano intencas kontakti la Japanan Esperanto-Ligon por trovi ĉu estas Esperanto-klubo en tiu urbo. Se jes, ilia komitato intencas sendi oficialan inviton al la klubo. Retadreso: kjand@ozemail.com.au

Brazilo
Mi estas Imar Crisogno Fernandes kaj mi loĝas en Goiania, centra urbo de nia lando Brazilo, kun proksimume unu miliono da personoj. Estas tre ĉarma loko, kie kunvivas belegaj virinoj kaj ĉarmaj viroj. Nia urbo estas distanca je 200 km de Brazilio, la ĉefurbo de nia lando. Ni havas pli ol 7.000 km de tro ĉarmaj plaĝoj. Al mi tre placas partopreni en la programo, sed kiu(j) estas mia(j) ĝemela(j) urbo(j). Do, montru al mi kiu kontakti kaj ni ekkomencos la programon en nia urbo. Ret-adreso: imar@internetional.com.br

Ĉinio
1. Lianyungang estas bela ĉemara urbo kun 6.7 kilometroj da marbordo. Ĝi estas hejmloko de la Simio-Reĝo Sun Wukong en la fama novelo "Pilgrimado al la Okcidento". Ni deziras korespondi kun eksterlandaj esperantistoj, kaj diskuti pri diversaj temoj interesantaj nin. Kiel bela estas tio, se per nia penado nia urbo povas ĝemeliĝi kun iu urbo en aliaj landoj. Kontaktadreso: S-ro Zhang Minniu, Xinlou 3-502, Xinpu Puhelu 74-hao , 222003 Lianyungang, Jiangshu, Ĉinio

2. Xinxiang Esperanto-Asocio volas kontakti esperantistojn en Kobe en Japanio. Kontaktadreso: S-ro Han Daozhu, Huangganglu 22-hao, 453002 Xinxiang, Henan, Ĉinio

VI LEGOS

En la venonta numero aperonta en septembro 2003 vi legos la unuan raporton faritan de s-ro Kapinga Ntumba el Afriko pri Zimbabvo kaj ĝia ĉefurbo Hararo.

---

Redaktoro: Wu Guojiang / komisiito de UEA pri La Projekto "Ĝemelaj Urboj"
Adreso: Fushun Shiyouyichang Yanjiusuo
113008 Fushun Liaoning Ĉinio
Telefono/Fakso: +86-413-7100871 (fakso post la 5-a sonorilo)
Retadreso: amikeco999@21cn.com